2ª jaro - Nº 12 (19) (Publication mensuelle) Decembro 1934

# LA PIRATO

Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa

Ŝipestro : RAYMOND SCHWARTZ
Redakcio : 5, Avenue Galliéni
COURBEVOIE (Seine)

Hejma Haveno & Administracio :
J. SOLSONA
9, Rue Hallé, PARIS-14e

FRANCLANDO



KAPERAS ĈIUMONATE

**Kortuŝite kaj danke ni reciprokas, — krom tio ni deziras sincere al ĉiuj abonantoj, ke ili ĝisvivu almenaŭ la finon de sia abono, por ke poste ili havu la plezuron... plilongigi ĝin !**

# TARIFO DE L'ABONOJ

Unujara abono (12 numeroj) al LA PIRATO kostas

| | |
|---|---|
| en Francujo . . . . . . . . . . . . . . . . . | 10 fr. fr. |
| en Landoj aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm. . . . . . . . . . . . . | 12 fr. fr. |
| en aliaj landoj *) . . . . . . . . . . . . . . | 15 fr. fr. |

Oni povas pagi egalvaloron en aliaj monunuoj laŭ kurzo de l' tago, — per monbiletoj, respondkuponoj poŝtaj (1 kupono = 1,50 fr. fr.) aŭ per respondkuponoj de UEA (laŭ kurzo de l' tago).

Franca poŝta ĉekkonto :

J. SOLSONA, Paris 545.82

Ĉiuj pagoj estu farataj al

S-ro J. SOLSONA, 9, rue Hallé

PARIS - XIV^e

*) Inter la ĉefaj landoj ne aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm estas : Danujo, Granda Britujo, Italujo, Japanujo, Norvegujo, Svedujo, Svisujo, Usono.

# Geografiaj Bondeziroj

Estus egoiste pensi nur pri Miami (Usono) kaj el tio rezultus impreSo fia (Bulgarujo). — Tial mi fanfArras (Franc.) bondeziran Kanton (Ĉin.) ĉeluLille de l' Nova Jaro.

Havu ĉiuj sanon kaj akiru kastelon sur bela Marroko, kaj se iu per intRiga ĉiKanado volas dubi pri via kasTel-Aviv', kie sekvos al bela fest' ankaŭ Belfast', nu, lasu en sia Dub'lin!... aŭ sendu lin Albanujo! — Kiel la tero, kiu estas migranta globo, ne Kubo, ankaŭ ni estas nomadoj. Sed ni estu gajaj, ne Portugalon, kaj sonu sincere nia noMadrid'! — Migru, migru, ekmarŝu dum bela mAteno sur la kongreSavojo! For el la Buda Pest', ĉiujn hezitojn vi devas forVichy. Amindumu kun ĉarma iTallinn kaj ŝin konduku al la gibrAltar'! Vian amon ĉirkaŭu floraro aRoma kaj kresku ĝi kiel feino Florida.

Al nuduloj donu pantalonon por vesti la krurojn, sed tio, Kioto...rson vestos, estu jako, eĉ se nur linOsaka. La pantaLondono estu diskreta, kiel decas al huMilano kaj malaperos de via horizonto ĉiu amaso Danubo, Aŭstrio nigra.

Evitu flatulojn. Se vin gratuLis boa', ne fidu al ĝia fantAzio. Minacu malbelajn bufojn piedo Batavia kaj morte falu la bufoj. Ni ĉiuj ĝojos pri tiu Buffalo. Sed mem estu neniam aproBavara!

Kaj antaŭ la Finno de l'jaro, kun Niagara...ntio, vi estos ĉiuj en Par(ad)izo.

Sincere,

Ale Ben Tarip.

---

*DRONO, DRONO! — La Ŝipestro dronis,... pro la jarfino, en sia bankfaka laboro. Nur kun malfruiĝo li povis liveri la manuskripton al nia Solsona, — kaj petas pro tio pardonon.*




# La granda armeo

Ne senbrue enmarŝis en la Saarteritorion la granda armeo de la Ligo de Nacioj. Sed kial ni ne profitis tiun unikan bru-okazon favore al nia propagando? — Kial militistaj tamburoj kaj trumpetoj ne disaŭdigis la venkon de Esperanto? — Ĉar dekomence la afero estis fuŝita!

Jen oni kunvenigis en fremda lando britajn, italajn, svedajn kaj *nederajn* trupojn, kiuj sur diversnaciaj uniformoj povus porti nur unu komunan insignon: Miniaturan Babelturon. Estas honto!

Kial nia centro en Ĝenevo ne mobilizis ĝustatempe la Esperantan Armeon por meti ĝin je dispono de la Ligo de Nacioj? Ĉar tia idealista helpopreteco ĝenerale ne estas senpaga, ni pensas, ke ankaŭ laŭ financa vidpunkto la afero estus por nia kaso interesa. Kaj pli efike ol diverslingva stabo, kiu eĉ ne kapablas kompreni la eternan belecon de alilanda soldata folkloro, nia bona generalo Bastien, asistata de kolonelo Julio Mangada Rosenörn, de kapitano Bugge-Paulsen, kaj de aliaj pacaj batalantoj, estus organizinta la organizadon de l' Saarteritorio!

Pli kaj pli ni preterlasas la belajn okazojn. Kiom bone ni nun komprenas la afablajn kritikantojn, kiuj ne senkaŭze riproĉas al niaj gvidantoj ĉiaman malfruiĝon! — Se ni pripensas, ke kun iom da vigleco

flanke de niaj estroj, ni, gapanta publiko, estus povintaj vidi hodiaŭ sur la ekranoj de niaj kinematografejoj la alvenon en Saarbrücken de la unua Esperanta infanteri-regimento, kun verdaj standardoj, dum la muziko ludas niajn plej viglajn marŝo-himnojn, dum deliranta (pro ĝojo) Saarloĝantaro kriegas « Vivu Esperanto ! », se tion ni pripensas kaj se ni konstatas la realecon, ni ploras torente.

LA DEĴORANTA PIRATO.

# LA TAGO DE L' LITERATURKOMERCO 1934

Estas pli agrable raporti pri ĝojigaj aferoj ol pri la politikaj okazaĵoj, — tial mi volonte parolos al nia elita legantaro pri la grandioza sukceso de l' nunjara librotago. La Esperantistaro, tiu admirinda popolo, refoje montris al la senkomprena mondo, ke ĉiufoje, kiam temas pri morala kaj financa subteno al verkistoj kaj libroeldonistoj, ĝi konas sian devon, kiun kortuŝe ĝi plenumas, nedeflankiĝante de l' rekta vojo.

Ankaŭ ĉi tiun jaron, fidele al malnova tradicio, kiu datumas de antaŭ la mondmilito, la prezidanto de la Franca Respubliko, same kiel ankaŭ la nigra reĝo de Bumzala, ne ĉeestis la solenan librovendadon de la Pariza Grupo en nia Sorbonne. Tial pli ol kutime la rezultato de tiu ĉi komerca vespero enskribiĝis per arĝentaj literoj en la oran libron de nia fera trupo. Malgraŭ la bremsanta krizepidemio oni vendis en Parizo por preskaŭ 90 frankoj da Esperantaj libroj. Tiu ĉi fakto, unu fojon por ĉiam, ŝtopos la buŝon de tiuj kalumniantoj, kiuj moke asertas, ke la Esperantistoj ne interesiĝas pri sia literaturo. Ĉirkaŭ la luksa stando, kiun la Centra Librejo starigis en la grupkunvenejo, ĝis plej malfrua horo seninterrompe premiĝis densa homamaso, kiun unu el niaj paciencaj ami-

koj, kompetentulo pri aritmetikaj problemoj, sukcesis nombri. Se ne enmiksiĝis perfida eraro en liajn kalkulojn, la amaso konsistis el proksimume sep aŭ dek personoj apartenantaj al ĉiuj seksoj. Kaj malgraŭ la insistaj vortoj de l' grupprezidanto, kiu nepre deziris hejmeniri, la publiko ne volis forlasi la interesan ekspozicion kaj ĉiam denove admiris la Ĉefeĉajn ŝlosilojn, belajn gramatikojn kaj kelkajn propagandilojn el la jaro 1912. Tiam la malfeliĉa prezidanto ne hezitis. Dank' al genia strategia ruzo, malnova kaj ĉiam sukcesa, li povis definitive fermi la kunvenon.

« Gesinjoroj, » li anoncis, « mi nun legos al vi kelkajn poemojn el *La Stranga Butiko !* » — post ok sekundoj restis neniu plu sub la tegmento de l' Sorbonne.



Dank' al bonvola kunlaboro de niaj diverslandaj amikoj kaj ĉefe dank' al certa maldiskreteco de kelkaj librovendistoj, ni povas hodiaŭ konfidenci al nia elita legantaro, kiujn librojn oni aĉetis.

D-ro Corret aĉetis : La Oficiala Radikaro (de Wüster)

Pierre Petit, nova Komitatano de UEA : Kandid aŭ la Optimismo (de Voltaire)

Archdeacon : Per Balono al la Norda Poluso

Ellersiek : La Karavano (de Hauff)

Stettler : La Malŝparulo

Generalo Bastien : Hura !

René Dubois, ĉiam « vigla » sekretario de la Pariza Grupo : Printempo en la Aŭtuno

Prof. Stamatiadis : Barbaraj Prozaĵoj

Jozefo Major : Jozefo kaj la Edzino de Potifar

Brian-Price-Heywood, la ĝardenisto-poeto : Eterna Bukedo

Orengo, organizanto de l' Universitala Kongreso : Romaj Elegioj

Julio Baghy : Pri tri homoj kaj malnoblulo

Teo Jung : Batalo pri la domo (de Linnankoski)

Grenkamp: Malriĉa en Spirito

Edmond Privat: La Tragedio de l' Homo

Joseph Nels: La Alta Kanto de la Amo

Willibald Pietsch: La Arto de Memdisciplino

Raymond Schwartz: La Nigra Galero (de Raabe)

J. R. Scherer: Vojaĝo interne de mia ĉambro

Ferrari: La Barbiro de Sevilla

J. Mangada Rosenörn: Kiel fariĝi poeto

Niŝimura, konstruanto de la Domo de l' Homamo: Palaco de Danĝero, — rakonto pri Madame de Pompadour.

Andreo Ĉe: Esperantaj ŝlosiloj (de Ĉefeĉ)

Kalocsay: La sorĉa fluto (gramofondisko!)

Sala Fumal: Senbedaŭre amo rabas

Pulbuŝel, nia kunlaboranto: Konsiloj pri Higieno (Bone, bone!)

Rob. Kreuz: Senkorpa Mistero

Vilmos Bleier: Komerca Vortaro de Esperanto

Hugo Steiner, direktoro de la Esp. Muzeo: Vienaj Legendoj (de Mair)

Georgo E. Maura: La nekonata konato, mistera rakonto!

K. R. C. Sturmer, ĵus edziĝinta: Ano de l' Ringludo

Kenelm Robinson, strangmora verkisto: La Vojo returne

Salomon Kornfeld: Nulo de Izrael (de Sir H. Ridder Haggard)

La Patronoj de UEA: Viktimoj

La Akademio: Unua Legolibro

La Pariza Grupo: Gajaj Vesperoj (de Walter)

UEA: La dormanto vekiĝas

La Esperantistaro intencis aĉeti... Ekvi-libron!

Plue oni vendis: Anstataŭa Edzino, — La amkonkurantoj, — La konscienco riproĉas — sed ni ne perfidos, kiuj aĉetis tiujn librojn, ĉar ni, ni estas diskretaj.

CONDORCET.

---

*Pro manko de loko ni povos malfermi la Poŝtosakon de l' Ŝipanar' nur en la proksima numero.*

# Utilaj Donacoj

Estas malnova kutimo, agrabla por la ricevantoj, donaci ion al parencoj aŭ amikoj okaze de la jar-ŝanĝo, kaj ĉiujare la komerca industrio vetkonkuras por prezenti al la publiko la plej novajn, plej modernajn aĵojn kaj ilojn, kiuj taŭgas kiel donacobjektoj.

Ĉi tiun jaron la inventistoj superis sin mem. Ŝajnas, ke ilia devizo estis « Utileco antaŭ ĉio ! » — Nia kompetenta gazeto « La Komerco » ĵus diskonigis diversajn aparatojn, kiuj sendube meritas citon en nia altnivela revuo.

N-ro 384. — KRIZBROS. — Ne plu forĵetu viajn malnovajn razoklingojn ! Ĉar dank' al tiu ĉi admirinda aparato vi povos per ili facile kunmeti neeluzeblan dentobroson.

N-ro 453. — UNIVERSALUTIL. — Genia instrumento ; aspektas, kiam ĝi estas kunfaldita, kiel sardelskatolo. El ĝi vi povos fari, laŭvole, kribrilon, kanari-kaĝon, korktirilon, modestan aŭtomobilon (kun du sidlokoj), aŭ jarlibron de UEA.

N-ro 862. — AŬDAŬDO. — Miniatura telefonilo, kunportebla en veŝtopoŝo aŭ en sinjorina pudrujo. Nepre necesa por ĉiuj personoj, kiuj kutime vivas meze de granda bruo. Ekzistas kelkfoje cirkonstancoj, kiam ĉiu el ni havas ion por diri al si, sed pro la ĉirkaŭanta bruego li ne povas aŭdi sian propran parolon. Tiam la « Aŭdaŭdo » ludas la rolon de savanto, dank' al la kaŭĉuka tubeto, kiu senpere komunikigas la buŝon kun la dekstra orelo. (Ekzistas speciala modelo por la personoj, kiuj preferas aŭdi per la maldekstra orelo.)

N-ro 967. — POŜTISTETO. — Jen io utila kaj originala ! Viaj poŝtaĵoj ne havas tempon por perdi, sed ofte ili devas atendi multajn horojn en la poŝtoficejo la stampadon de l' markoj. Aĉetu la « Poŝtisteton », perfektan imitaĵon de oficiala poŝtostampilo, kaj de nun vi stampos mem la markojn sur viaj leteroj.



*Des. Wranka Dragutin.*

N-ro 1.000. — INTELEGANTA. — La lastmoda ŝparfumo ! Kiel ĝia nomo montras (kaj ankaŭ la supra reproduktaĵo), ĝi estas inteligente kaj elegante konstruita cigaredingo, kies ĉefa merito estas, ke dank' al ĝi UNU cigaredo sufiĉas por KVAR personoj ! — Jam uzata kun granda sukceso en la Esperanta Grupo de Ojisek (Jugosl.), kies kvar plej eminentajn membrojn reprezentas la supra bildo. — Estas aĉeteblaj ankaŭ similaj modeloj por cigaro aŭ pipo, por 4 — 64 personoj. Petu la tarifon ĉe la inventisto, S-ro Wranka Dragutin, en Ojisek. (Aldonu 2 respondkuponojn.)

Ĉu ni ne vivas dum jarcento de l' Progreso ?

A. B. C. Awful.




(Oni povus malesperi ! — Dum la lastaj monatoj la Esperantistaj gazetoj tre zorge korektis siajn presprovaĵojn, tiel, ke oni nun preskaŭ ne plu trovas amuzajn stil- aŭ preserarojn. Ni tion bedaŭras sincere.)

---

OOMOTO INTERNACIA (Sept.) : « En batalkampo oni ne vundiĝas kurante tra pluvego da kugloj, dum kelkaj estas mortigitaj per preterflugantaj kugletoj. »

*Certe, certe. Ankaŭ preterfluganta kugleto povas mortigi, — ĉar kelkaj jam mortis... pro timo!*

SAMLOKE (Okt.) : « Ili estas tiel amikaj kaj servemaj, kiel ili povas esti, sed ili ridas pri mia superhoma talio. »

*Ekzistas ja kaŭzo por ridi, ĉar ĝenerale la talio ne estas super la homo, sed meze de la homo.*

AGANTO (N-ro 1) : « Kun senvorto — ŝajne pro la timo li ne povis elparoli — li kuntirigis sin al la fundo de la sako. »

*Aŭ... sen kunvorto li silentis.*

SAMLOKE (N-ro 2) : « Mi faris el la tuta korpo orelon. »

*Kun tia orelo eĉ surdulo povus aŭdi.*

LA KRITIKA OBSERVANTO (N-ro 4-5) : « La kaduka konstruaĵo de la Ligo (de Nacioj) treege difektita per la tondre brua foriro de Germanio kaj Japanio, per la konstanta abstinenco de Usono, estis en danĝero komplete disfali. »

*Sed de nun la Ligo estos pli firma : Usono ne plu abstinencas !*

LINGVO INTERNACIA (N-ro 8-10) : « La demando estas : Ĉu la Esperanta instruado devos fariĝi aparte por ĉiu sekso, aŭ ĉu oni devas preferi la kuninstruadon de ambaŭseksaj lernantoj ? »

*La demando estas multe pli simpla : Ĉu oni instruu Esperanton al hermafroditoj ?*

SAMLOKE : Nia bona amiko, D-ro Anakreon Stamatiadis, skribas pri si mem : « Ni estis alveninta al tiu konkludo en la jaro 1828-a, sed ni vidu, ĉu post daŭriga sperto de 7 jaroj de sinsekva Esperanto-instruado en la publikaj lernejoj de Ateno... »

*D-ro Stamatiadis certe ne plu estas tute juna.*

LA REVUO ORIENTA (Nov.) : « Pro manko de spaco ni forlasis ĉ. 30 liniojn ĉe la fino de la II-a Patro. »

*Sed kion pensas la II-a Patrino pri tiu mallongiga metodo?*

ESPERANTO (Okt.-Nov.) : « Sub gvidanto de la Direktoro de UEA mem... »

*Estas evidente, ke estas pli agrable troviĝi sub la gvidanto de la Direktoro ol sub la Direktoro mem. Pro la pezo.*

NIA GAZETO (Nov.) : Sub la plumo de S. Grenkamp (El vojaĝraporto) : « Mi rigardas tra la fenestro de mia vagonkako. »

*Kiel dirus niaj anglaj amikoj : « The right man in the right place. »*

LITERATURA MONDO (Nov.) : El anonco pri AULI, nova verko de Hendrik Adamson : « En formato 20 × 13.5 cm. sur 888 paĝoj la novelaro kostas svfr. 1,60 . . . »

*Intertempe la libro aperis. Ĝi ne enhavas 888 paĝojn, sed nur 88. — Feliĉe!*

HEROLDO DE ESPERANTO (16 dec.) : El raporto pri publika teatrovespero en Esperanto, kiu estis plej granda sukceso : « . . . La sukceso estis nekonstatebla . . . »

*Do, tamen ne sukceso. Tio estas nekontestebla!*

SAMLOKE : « La prezentado en Göteborg estis unika paŝo en sia speco, sed espereble ne la sola . . . »

*Ni tre dezirus vidi tiun unikan paŝon en sia speco, kiu tamen ne estus la sola!*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**Abonu aŭ reabonu LA PIRATON kiel eble plej baldaŭ! Vi plifaciligos nian administran laboron kaj havos la certecon ricevi nian januaran numeron, kiu — ĝenerale — tre rapide elĉerpiĝas.**

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# SAAR'A BANDO

(por jazz-orkestro)

---

*Kiam la suno leviĝas, iom post iom foriĝas la mallumo de l' nokto kaj la afabla publiko distingas sur la scenejo ĉarman pecon de Saarlanda pejzaĝo. En la fono fluas trankvile, kvazaŭ nenio estus okazonta, la rivero Saar. Dekstre kelkaj domoj, koketaj laboristaj hejmoj, konstruitaj serie kaj malgrandaj kiel alumetskatoloj, sed kun malpli da komforto. Egalpaŝe, kvazaŭ nenio estus okazonta, la bravaj ministoj marŝas al sia laboro. En la korto de dometo, ĉe l' vojrando, duonnuda fraŭlino lavas siajn piedojn kaj petole mansignas al la preterpasantoj. Kiom plezure ĉi tiuj sekvus la inviton de l' sireno, — sed ili devas obei al la voko de l' minejo, kiu precize en tiu ĉi momento ordone fajfas : Al laboro!*

## I.

*Alvenas la sveda taĉmento, kiun la Ligo de Nacioj, tiu bona patrino, delegis en la Saarteritorion por prizorgi la ordon dum la voĉdonepidemio. Videble la taĉmentestro deziras informiĝi pri la ĝusta vojo.*

*La kapitano kun la longa sabro, sin turnante al la duonnuda fraŭlino, kies piedoj estas nun prezenteblaj.* — Salem Alaikum ! Allah il Allah !

*La fraŭlino.* — Kial vi parolas al mi en araba lingvo ?

*La kapitano.* — Ĉu ĝi ne estas la lingvo de l' dezerto aŭ ĉu la Saara sablo ne plu apartenas al la beduenoj ?

*La fraŭlino.* — Sed ne temas pri Sahara, — ĉi tie estas la Saarteritorio. Ni parolas germane.

*La kapitano.* — Ĉu eble ? Sed vidu mem en mia gvidlibro : « Tra la Saarteritorio etendiĝas vasta mina reto... » — Minareto, ĉu ne mahometana preĝejo ? Do!

*La fraŭlino.* — Refoje eraro ! Tio signifas, ke la Saarteritorio estas ministtero.

*La kapitano.* — Ha bone, nun mi komprenas. La Saartero estas ministterio. Kie estas la ministro ?

*La fraŭlino.* — Dio mia, ne estas eble klarigi ion al vi. Fakte, nun ankaŭ mi kredas, ke ni troviĝas en la dezerto, ĉar tian kamelon oni ne povas vidi aliloke ! — Amblu ankoraŭ duonhoron kaj vi atingos la piramidojn, aŭ... vian bivakon !

## II.

*En bierejo de Sulzhütte kelkaj holandaj soldatoj, por pli rapide amikiĝi kun la loĝantaro, disdonas siajn gigantajn fromaĝojn kaj fumas el siaj famaj pipoj, pli vigle ol la Saarlandaj mintubegoj, kontrabanditan tabakon. Oni same vigle tintigas la glasojn.*

*La kaporalo Papendrecht.* — Je via sano, vilaĝestro, kaj je sukceso de l' voĉdonado!

*Vilaĝestro.* — Vi povas facile bondeziri. — Se almenaŭ vi estus alportinta la pilolojn!

*La kaporalo.* — Permesu, ke mi ne komprenu; la pilologio neniam estis mia fako. Sed ĉu vi ne estas kontenta, ke baldaŭ vi povos voĉdoni?

*Vilaĝestro.* — Verdire ne. — Estas tri solvoj, ĉiuj malbonaj. Unue: la statu quo, kiel ili diras, sed ĝi ne taŭgas, ĉar la homoj bezonas ŝanĝon. Due: fariĝi francoj. — Kial ne ankaŭ botokudoj? — Trie: reiri al la granda patrujo. Sed tie oni konsideros nin kiel nearianojn!

*La kaporalo.* — Kial?

*Vilaĝestro.* — Kiuj ni estas? Idoj de Saara lando. — Kaj kiu estis Saara? Edzino de Abraham, kiu mem estis la prapatro de ĉiuj hebreaj triboj! Bonan apetiton!

*La kaporalo.* — Do kion fari?

*Vilaĝestro.* — Se vi estus alportinta la pilolojn, ni povus proponi la kvaran solvon.

*La kaporalo.* — Sed kiujn pilolojn? — Ĉu niaj fromaĝbuloj ne sufiĉas?

*Vilaĝestro.* La miraklajn Ĉe-pilolojn. Oni fabrikas ilin en via lando. Jen: vi englutas dek-du pilolojn, kaj vi estas perfekta Esperantisto. Kaj tiam ni povus esti Esperanta Ŝtato. Sed vi forgesis la pilolojn.

*La kaporalo.* — Kaj ilin oni fabrikas en Nederlando?

*Vilaĝestro.* — Jes, en la fama Ĉe-Instituto, kies sidejo staras en Hago.

*La kaporalo.* — Permesu! — Se tio estus vera, mi tion scius.

## III.

*La tendaro de l'italaj trupoj, kiuj manifestas vezuverupcian entuziasmon per laŭtaj krioj: « Evviva l'Orengo d'Italia! » Kaj por pasigi la longajn senokupajn horojn de l'okupado ili ludas.*

*La spiono.* — Pardonu, signor, — ŝajnas al mi, ke tio similas pli al ludo ol al ekzercado.

*La oficiro.* — Jes, ili ludas.

*La spiono.* — Ĉu eble? Kaj kion ili ludas?

*La oficiro.* — Ili ludas mus-katon. Vi vidas, ke ni markis du liniojn. La soldato, kiu staras tie malproksime sur unu linio, estas la muso. La aliaj ĉi tie, kiuj staras sur la alia linio, estas la katoj. Ilia tasko estas, forkurante de la katolinio kapti la muson.

*La spiono.* — Sed ili apenaŭ alproksimiĝas al la muso.

*La oficiro.* — He homo, ĉu eble vi kuraĝus alproksimiĝi al la ...musolinio?

*La spiono.* — Se mi do bone komprenas, la ludo estas seninteresa.

*La oficiro.* — Tute ne! Ĉar, kiam ili sufiĉe ludis muskaton, ili trinkas ĝin!

## IV.

*Ĉe la britoj. Ĉiudekpaŝe okulfrapaj tabuloj portas la gigantliteran avizon: « Estas malpermesate al kiu ajn soldato de l' brita armeo edziĝi kun Saarlandanino. — War Office. » — Malantaŭ la kulisoj sidas simpatia benko, kaj sur la benko sidas Groggy, jupvestita highlander. Apud li fraŭlino Mina (komprenеble!) klopodas, sed ĝis nun vane, plialproksimiĝi.*

*Mina.* — Aŭskultu, sinjoro soldato, ĉu vi ne multe enuas ĉi tie?

*Groggy.* — Not at all. — Lasu min trankvila.

*Mina.* — Vi akceptos tamen peceton da ĉokolado, ĉu ne?

*Groggy.* — Kial vi tentas min? — Estas malpermesate edziĝi!

*Mina.* — Edziĝi! Edziĝi! — Ho, kara, ne parolu tuj pri katastrofo! Ĉu vi volas cigaredon? — Ĉu cigaron?

*Groggy.* — Ne kaj ne. Mi havas principipon, kaj tio sufiĉas. « Ne edziĝi! »

*Mina.* — Sed oni ja ne bezonas tuj geedziĝi. — Rigardu la brilon de miaj okuloj, la ardon de miaj vangoj, la...

*Groggy.* — Silentu, diablino. Mi estas soldato kaj povas okupiĝi nur pri militistaj aferoj.

*Mina.* — Bone, — ĉu do la ardo de miaj vangoj ne estas la vangardo...

*Groggy.* — L' avangardo de kio?

*Mina.* — ... de sendependa, mamstara taĉmento!

*Groggy.* — Ho, mia kapitano, helpu! — Mi baldaŭ cedos, mi estas laca...

*Mina.* — Jes, kapitulaca! — Brave, Groggy, metu kiseton ĉi tien!

*(Cenzurita)*

*Sed, sammomente, kvazaŭ aŭdinte la sakrilegian alvokon de Groggy, preterpasas la kapitano.*

*La kapitano.* — Hello Groggy! Hontu! Ĉu tio estas militista okupado?

*Mina.* — Sendube, sinjor' kapitano, — ja estas par-ado!

*La kapitano.* — Vi pravas, knabino, — sed estus bela spektaklo, se mia tuta roto tiele paradus sur la benko!

*Mina.* — Kial ne? — Estus la benk-roto, sinjor' kapitano la benkroto de via nehumana sistemo!

## V.

*Lasta sceno. La kurteno falis. Oni voĉdonis.*

JULES LARIBOIS.

# Nia enketo pri proponinda virina salutesprimo *)

Kiel admirinda estas la progreso! Dank' al ĝi, ni ricevis, el la plej malproksimaj lokoj en la mondo, la opiniojn de preskaŭ ĉiuj niaj amikoj pri la enketo malfermita en nia novembra numero. Verdire, kelkaj el niaj afablaj korespondantoj ne sufiĉe atentis la ĝustan objekton de la enketo, kaj traktas flankan temon. Ekzemple, 1886 el ili esprimas, ĉu ĝojon (47), ĉu bedaŭron (1839), pro la malagrablaĵoj, kiuj, laŭ ili, ĝis nun apartenis propre al viroj, kaj de nun, trafos ankaŭ virinojn. Konkludeble estas ke, el la opiniintoj, 1839 amas, kaj 47 ne amas la virinojn. Sed, ni ne devas forgesi, ke tute ne pri tio temas.

El la 28741 trafaj respondoj ĝis nun alvenintaj:

6342 konsilas ke oni elektu la ekgenuon. Ili opinias, ke la kontraŭargumento pri la pluvo nenion valoras, kaj ke la salutantinoj povos, antaŭe, etendi teren sian naztukon.

2843 ne komprenas, ke pakaĵoj povas malhelpi la salutadon, kaj postulas ke virino tenanta pakaĵon ĝin ĵetu teren, kaj salutu. (Se oni permesas al ni, ke ankaŭ ni diru nian ideeton, ni proponas, ke, tamen, oni esceptu pakaĵon entenantan — ekzemple — pipon por la edzo.)

8741 proponas ke la virinoj levu alten la dekstran kruron, des pli alten, ju pli granda estas la fervoro.

10815 aludas la kodon de marista ĝentileco, kaj memorigas, ke ŝipo esprimas sian respekton, brupafante per kanono difinitan nombron da pafoj.

Ni respektoplene transdonas al la radiostacio Tour Eiffel, la rezultaton de nia enketo, kaj ni varme dankas niajn amikojn pri ilia akurata respondo.

RETSIGOR.

---

*) Niaj fidelaj legantoj certe ankoraŭ memoras la problemon: Dum la viroj scias kion fari, kiam venas renkonte flago aŭ alia respektinda objekto (stari nudkape aŭ forkuri en flankan strateton), la virinoj neniam estis instruataj pri la farenda simbola gesto. Kaj la virinoj deziregas, ke al ili ankaŭ estu trudataj salutesprimo por tiaj okazoj.
Do, kian geston, movon, sintenon oni povos proponi al virinoj por esprimi iliajn respektoplenajn sentojn?

*LA ALTA LITERATURO*

# KALASANTO

aŭ Moderna Idilio

Li ŝin renkontis
Foje hazarde.
Eble ĝi estis
Lunde aŭ marde.
Ĉu sur la strato,
Ĉu en la tramo?...
Sed tuj vekiĝis
Fajra ekamo.
Kiu li estis,
Ŝia amanto?
Ŝi eĉ ne sciis,
Kaj Kalasanto
(Tiel ni nomu
Tiun ĉi homon)
Konis nur ŝian
Karesan nomon.
Sed malgraŭ tio
Li amis vere
Kaj, ke ŝi amas,
Kredis sincere.
Pri ŝi li pensis:
« Estas anĝela
Ĉi virtulino,
Certe fidela
Ĝis vivofino! »
Kaj li ŝin longe,
Longe adoris.
Eble dum jaro?
Li ne memoris...
Kaj unu fojon...
Nokt' estis luna,
Eble somera,
Eble aŭtuna,
En la komenco
Ĉu de septembro?
Aŭ de aŭgusto,
Aŭ de novembro?...
Jen ili kune
Sur benko sidis.
Manon en mano.
Ĝoje ŝi ridis,
Kaj li eksentis,
Ke kreskas amo
En lia koro
Samkiel flamo,
Kaj senkonscie
De l' am' pasia
Li al ŝi diris:
« Ho, vivon mian
Mi ekoferus
(Volu min kredi!)
Se mi nur povus
Vin ekposedi!
La tutan vivon
Por unu horo!!! »



Kaj ŝi respondis:
« Diru, sinjoro,
Kion mi faros
Kun vivo via?
Ja mia prezo
Estas alia:

Ĝis nun cent frankojn
Ĉiam mi prenis... »

Tion aŭdinte
Ĝeme li svenis...

Szymon J. WEYLAND.
Lodz.



# LA GALERO DE L' PIRATOJ



*Desegno de Jorik.*

Sen entuziasmo (tion nia elita legantaro facile komprenos!), kontraŭvole (pro estetikaj kaŭzoj!) kaj nur devigite ni prezentas al vi nian bonan amikon kaj maldiligentan kunlaboranton Joseph Nels. Ni timas, ke nun, vidinte lin, eĉ niaj plej kuraĝaj abonantoj hezitos...

Je 99 °/o Joseph Nels estas protestanto, la aliaj procentoj reprezentas liajn aliajn virtojn. Oni rajtas interpreti, ke la harmoniaj pepsonoj, kiujn li eligis tuj post sia naskiĝo, signifis lian unuan proteston. Sed la kaŭzo de tiu unua protesto ne estas pli klara ol la kaŭzo de lia lasta protesto. Nels estas propre proprincipa protestanto. (Neelparolebla kun plena buŝo, — aŭ : la ĉeestantoj malfermu la pluvombrelojn!)

Nia bona amiko Nels havas alian pasion: Li okupiĝas pri radio, fotografio, amo kaj similaj sciencoj, sed malpli pri ilia praktika aplikado ol pri la meĥaniko de la koncernaj aparatoj, el kio rezultas, ke lia radiokesto neniam funkciis, ke lia fotografilo estas utiligebla nur kiel tabakujo, dum liaj poŝhorloĝo kaj fajrigilo estas reciproke interŝanĝeblaj, ĉar la efiko ja estos la sama. — Tia pasio per si mem ne estus danĝera, se Nels ne havus plue la fiksan ideon, ke li devas plibonigi ankaŭ la aparatojn de siaj amikoj!

Nekompareble pli kompetenta Nels estas sur la literatura kampo, kiun li kulturas kvazaŭ ĝi estus terpomtero. « Malrapide sed serioze! » — Jam antaŭ pli ol dek jaroj li entreprenis la tradukon de konata verko de Molière, « Les Fourberies de Scapin ». Nedezirante liveri al la mondo neĝisfundan laboron, li longe hezitis antaŭ ol adapti la titolon. Tamen hieraŭ, kun firma decidvolo, li konkludis, ke estas pli bone lasi al la titolo, senŝanĝe, ĝian franclingvan veston. Se li aplikos la saman principon ankaŭ al la teksto, niaj nepoj eble ĝisvivos la eldonon de Esperanta traduko, kiu restos vere fidela al la originalo.

Krom tio Nels havas bonan karakteron. Feliĉe por li!

Kaj en la proksima numero ni prezentos al vi nian tutmonde konatan presiston Solsona.

SALA FUMAL.

**N. d. l. R.: Pro bedaŭrinda forgeso — rilate al kiu ni ricevis gigantan proteston — ni ne menciis, en nia lasta numero, ke la fotokliŝo de Sala Fumal estas verko de Joseph Nels.**

# Oficpeta Letero
(kiun ni ricevis)

---

*Eksilenta ŝjipestra moŝjto!*

*Je bordo de « La Pirato ».*

*Mi-j estas 13-jara knabo jam tre granda; jej paŝjko-tago mi-j estos libera de la lernejo, ki-jun mi tute trastudis. Mi-j nun estas en la plej alta klaso, je la dua etadĵo.*

*Miaj gepatroj volas, kej mi-j idĵos dĵardenisto, sed ti-jon mi-j ne ŝatas. Mi-j volas marveturi trala la tuta mondo.*

*Nun estas mija peto, tŝu vi-j volas laborigi mi-jn sur via kaperŝipo. Bonvolu stsiigi al mi-j kijon mi devas koni; blasfemi mi-j jam lernis, ankauw tabakmatŝji; en la silentlingvo mi-j perfektidĵis. La alijaj knaboj tŝiam diris, ke mi nenijam raportis ijon pri ili al la lernejestro.*

*Tŝu mi-j ankauw bezonas pasporton por la vojadĵo?*

*Skribu baldauw, mi petas, kijo mi-j povas estidĵi tŝe vi-j, tŝu admiralo. tŝu kaptitano, tŝu konduktoro. Mi-j volas fari tŝijon, sed ne dĵardenisto, kaj ankauw sendu la monon por la alvojadĵo.*

*Sekwonta semajno tŝi-tiej estos kermeso.*

*Kun multaj salutoj ankauw de Petŝjo de niaj najbaroj.*

*Ŝjarltŝjo VENLOSA.*

*Mi-j estas nederlandano.*

*Pst! skriba. — Sej mi-j eble skribis erarojn, bonvolu demandi Henrikon de niaj najbaroj. Li lodĵas Turstrato 4 kaj li-j estas ŝoforo tŝje la komunuma purigad-servo.*

---

*Le Gérant:* Roger BERNARD.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e — Tél. Gobelins 62-71.

# NIAJ ABONEJOJ

*Aŭstrujo :* S-ro Alfred Klein, Cirkusgasse 34/9, *Wien II.* — Unu jaro : S. 5,—.

*Ĉeĥoslovakujo :* Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista, Uralské 447, *Praha-XIX.* — Unu jaro : Kr. 20,—.

*Germanujo :* Friedrich Ellersiek G. m. b. H., Wilms-Str. 5, *Berlin S. W. 61.* — Postscheckkonto : Berlin 293 18. — Unu jaro : RM 2,10.

*Granda Britujo :* The British Esp. Association, Inc. 142, High Holborn, *London W. C. 1.*

*Hispanujo :* S-ro S. Alberich-Jofrè, Pérez Galdós, 45, *Barcelona.* — Unu jaro : Pesetoj 6,—.

*Italujo :* Esperanto-Centro Itala, Galleria Vittorio Emanuele N. 92, *Milano* (Conto Corrente Postale 3/18715). — Unu jaro : Lit. 12,50.

*Japanujo :* Japana Esperanto-Instituto, Hongoo-Motomaĉi, *Tokio.* — Unu jaro : 3,50 jenoj.

*Nederlando :* Esperanto Instituto, Postbus 81, *Venlo.* Poŝtĉek-konto : 230 505. — Unu jaro : Guld. 1,25.

*Polujo :* Librejo N. Szapiro, Nowolipki 8, *Warszawa.*

*Svedujo :* S-ro Oskar Svantesson, Karl Johansgatan 61, *Göteborg.* Sveda poŝtĝira konto 62252. — Unu jaro : Kr. 3,75.

*U.S.S.R. :* Centra Libroekspedejo de Sovetrespublikara Esperantista Unio, - *Moskvo,* Spiridonovka, 15.

